No 5 Bern, la 6an de Julio 1939





# NI VOKAS VIN!



Oficiala Kongres-Gazeto
de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto
29-a Julio — 5-a Aŭgusto 1939 BERN — Svislando

Eldonanto kaj redakcio: Loka Kongresa Komitato, Bern, Bundesgasse 18 Telefono 3 72 37

## La tempo urĝas.

Malmulte da semajnoj ankoraŭ restas ĝis la 31-a Universala Kongreso de Esperanto, la plej grava okazaĵo tiujara de la Esperantistaro. Iom post iom la nigraj nuboj sur la politika ĉielo malaperas, kiuj dum monatoj minacis la timigitan Eŭropon. Alvenis do la momento, por fine decidiĝi kaj aranĝi sian vojaĝon al la kongreso en Berno. Ĉar precipe en tiaj tempoj estas necese, ke pacemaj homoj el la tuta mondo renkontu sin kaj reciproke esprimu siajn pensojn. Plimulte, ol oni opinias, la mondaj okazaĵoj dependas de la kredo al la estonteco, de kiu nia Esperanto-movado ankaŭ estas parto.



La korto kaj ĝardeno de la burĝohospitalo en Bern

Jam el tiuj motivoj ni ne postrestu, ne apartigu nin, sed ni kuraĝe kaj kun plena kredo kuniĝu, por kune demonstracii por la paco kaj por la pacemo de la homaro. Ni povas nenion fari por la estonteco de la homaro, se ni kaŝas nin en nia hejmo kaj time atendas la estontan tempon. Ni male pruvu, ke ni havas kuraĝon kaj fidon. Kaj en tiu senco ni certigu la sukceson de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu al la homoj kun pesimistaj intencoj montras, ke estas multo da aliaj, kiuj neniel povas esti impresataj de la militbruado, kaj ne lasas infekti sin de la promilita angoro.

En Berno ĉio estas preta. Ni certe ĝuos tre belan kongressemajnon. Ĉar la preparoj estas ĉiuj aranĝitaj. La kongreso ja ankaŭ okazos en lando, kiu estas fama ne nur pro sia beleco, sed kiu al la mondo ĉiutempe pruvis sian neŝanĝeblan volon al la libereco kaj la sendependeco. Ĉu ni Esperantistoj en la koro ne estas parencaj al Svislando? Ankaŭ ni estas, kiel Svislando, malgrandaj je nombro kaj signifo, rilate al la potenculoj de la mondo, kiuj minacas nian movadon. Sed ni multon povas lerni de Svislando: Ke la sola grandeco laŭspaca kaj laŭ-nombra ne igas forta, sed ke la necedema volo estas la fonto de giganta forto.

En Berno ni varbis multe da amikoj por nia Esperanto. Ni longe kaj diligente antaŭlaboris kaj hodiaŭ ni scias, ke multnombraj novaj Esperantistoj ankaŭ estonte restos amikoj de nia movado. La kongreso ankaŭ havos la rezulton, ke en Berno estos ankoraŭ eĉ pli granda entuziasmo kaj ke tie ĉi formiĝos grupego de Esperantistoj, kiu meze en libera Svislando flirtigas la verdan standardon kun la stelo. Dank' al la laboro dum tuta jaro, kiun la Loka Kongresa Komitato faris, plue miloj kutimiĝis rigardi per tute alia okulo. Se la 31-a Universala Kongreso de Esperanto prosperos, ni poste havos multege da novaj adeptoj. Jam ĝis nun ni sukcesis, gajni multajn el la intelektaj kaj politikaj rondoj. Subtenu nin do, por ke la metita semo ĝermu kaj ke forta arbo ekkresku.

Hodiaŭ ni Bernaj Esperantistoj ankoraŭ unu fojon alvokas vin, amikoj de ĉiuj kontinentoj: Pretigu vin por Berno, amase aliĝu al la 31-a Universala Kongreso de Esperanto en la ĉefurbo de Svislando. Pruvu vian fidelecon por nia pacema Esperanto-movado, konvinkante viajn amikojn kaj konatulojn partopreni al la kongreso.

La Berna Kongreso estu fortoplena demonstracio en la senco de la Interna Ideo de Esperanto kaj metu novajn fundamentojn por la interkomprenado de la popoloj per nia kara lingvo.

Tial: Ĉiuj al Berno!

## Sesa informilo.

**Adreso por leteroj:** 31-a Universala Kongreso de Esperanto, Bern.

**Kotizoj:** Sv. frk. 30.—. La edzo aŭ edzino, same gejunuloj ne pli ol 20-jaraj pagas la duonon de tiu ĉi sumo.
Plej oportune vi pagas al nia poŝtĉeka konto III/11 611, aŭ per monbiletoj aŭ al Schweiz. Volksbank, Bern.
Pagejoj: por Britujo, B. E. A., 142, High Holborn, London W. C. 1;
por Danujo, Dansk Esperanto-Rejsebureau, Jernbanegade 22, Nykobing F.
por Estonio, Esperanto-Asocio de Estonio, Postkast 6, Tallinn.
por Francujo, SFPE, 34, rue de Chabrol, Paris 10e.
por Nederlando, Vojaĝoficejo de „LEEN", v. Tuyll, Serooskerkenplein 33, Amsterdam - Z.
por Norvegujo, Esperanta Turista Komisiono, Boks, 353, Stabekk.
por Polujo, Inĝ. Michael Chmielinski, ul. Krasinskiego 4, Torun. Poŝtĉeka konto PKO. 203 616.
por Svedujo, Esperanta Turista Komisiono, Tegelbacken, Stockholm.

**Aliĝiloj** estas haveblaj ĉe la kongresoficejo, ĉe la landaj Asocioj, ĉe la turistaj komisionoj kaj ĉe la IEL-centra oficejo.

**Blinduloj** kaj ties gvidantoj pagas kotizon de sv. frk. 5.—. Ili devas sendi ateston ke ili estas blindaj, subskribitan aŭ de IEL-delegito, aŭ de blindula instituto, aŭ de kuracisto.
La Blindula Asocio (svisa) promesis zorgi por la loĝado, se eble senpaga, de la kongresanoj.

**Glumarkoj,** efika propagandilo, 100 pecoj kostas sv. frk. 1.20 aŭ 4 internaciaj respondkuponoj.

**Donacoj** helpas sukcesigi la kongreson. La organiza komitato antaŭdankas al donacantoj. Sumo de la ricevitaj donacoj: sv. frk. 70.30.

**Blindula kaso:** helpu ebligi al blinduloj la kongresviziton. La komitato danke akzeptas donacojn por tiu kaso. Donacoj ĝis hodiaŭ ricevitaj: sv. frk. 106.—.

**Loĝado kaj manĝado:** vidu la favorajn aranĝojn en numero 2 de „Ni vokas vin". Mendilo estis sendata kun n-ro 4.

**Karavanoj:** Ni estas informataj pri karavanoj el la jenaj landoj: Britujo, Danujo, Estonio, Francujo, Nederlando, Norvegujo, Svedujo kaj Usono. La adresojn vidu sub „pagejoj", krome: J. Telling, Schietbaanlaan 106-a, Rotterdam-C., kaj G. A. Connor, 162 West 13 Street, New York City.
Por landoj nemenciitaj informiĝu ĉe la firmo Cook pri karavanoj.

**Skolta tendaro:** informojn petu de f-ino G. Merz, Falkenweg 9, Bern.

**Eblecoj por kampi** (por ne skoltoj): Loko: Eichholz/Wabern, laŭlonge de la rivero Aar. Sin anonci al la kongres-oficejo.

**Oficiala kongresgazeto:** estas „Ni vokas vin". La proksima numero estos aldonata al la kongres-dokumentoj.

**Vizoj:** Kongresanoj el Bulgarujo, Grekujo, Hispanujo, Jugoslavujo, Polujo, Rumanujo, Rusujo, Turkujo kaj Sennaciuloj prezentu en svisa ambasadorejo aŭ konsulejo sian kongreskarton por ricevi senpagan vizon. Kongresanoj el aliaj landoj N E bezonas vizon por eniri Svislandon.

**Presaĵoj** disdonotaj en la kongresejo aŭ en kongresaj kunvenoj devas esti aprobitaj de la kongresa komitato.

**Dokumentaro:** la sama postulo rilatas al presaĵoj disdonotaj kun la oficialaj kongresdokumentoj. Ili devas ricevi la antaŭan aprobon de la LKK kaj devas alveni plej malfrue du semajnojn antaŭ la kongreso.

**Kongreslibro:** pro tro granda pezo ĝi ne estos forsendota antaŭe al la kongresanoj. Ĉiuj necesaj informoj troviĝas en la nuna numero de la gazeto.

**Aliĝoj:** ĝis 25. 5. 1939 aliĝis 620 el 25 landoj.

La sekretario: *Otto Walder.*

## Kion ĉiu devas scii . . .

**Akcepto:** En Bern estas nur unu stacidomo, en ĝi troviĝos la akceptejo de vendrede 14.00 ĝis sabate 24.00 (poste en Kazino). Tie vi unue ŝanĝu vian monon, tiam aranĝu loĝadon kaj manĝadon kaj poste vi ricevos la kongresdokumentojn.
Nun anoj de Esperanto Societo Bern gvidos vin al via hotelo. La pakaĵon transportos la hotelaj pordistoj.

**Urbplano** troviĝos en la dokumentaro.

**Veturiloj:** Ĉiuj hoteloj estas tiel proksimaj de la kongresejo ke veturiloj apenaŭ estas necesaj.

**Tramo:** Por veni al la kongresejo elektu n-ro 6, stacio „Kazino". Veturprezo ek de stacidomo 20 ct., pli longaj distancoj 30 aŭ 40 ct.

**Aŭtobusoj:** Ili kondukas al la eksteraj kvartaloj, veturprezoj 20—40 ct. Ek de stacidomo vi ankaŭ povas uzi T, E, kaj O, ankaŭ stacio „Kazino".

**Taksametroj:** Postenoj ĉe stacidomo kaj Kazino. Iom altaj tarifoj.

**Trinkmono:** En Svislando la trinkmono **ne** estas enkalkulita, regule oni donas 10 % (ĉe niaj hotelaranĝoj enkalkulita). Ne forgesu, ke tio estas la sola salajro de la kelnerinoj.

**Internacia kostumbalo sabate** okazos en Kursaal. Transiru la Kornhausponton, en la norda urbparto. Senpaga eniro nur ĉe montro de la kongreskarto.

**Kiel veni sur Gurten por la diservo:** Per tramo 9 ek de Zeitglocken (150 metroj norde de la kongresejo) aŭ ek de la stacidomo, ĝis Wabern, de tie per la Gurtenfervojo. Forveturo en stacidomo plej malfrue 14.00. Uzu la bileton de ekskurso 1, valida ek de la stacidomo (bileto dum la tuta semajno valida).

**Per tramo 9** ĝis la piedo de Gurten 30 ct., de tie piede supreniri. Forveturo de stacidomo plej malfrue 13.45.

Per aŭtobuso G, ek de stacidomo 40 ct., ĝis restoracio Schweizerhaus, je ½ alteco, de tie piede. Forveturo en stacidomo plej malfrue je la 14.00 h.

**Piede** ek de Kazino. Gvidado de lokaj Esperantistoj, foriro precize 13.30.

**Urbgvidadoj kaj rondveturoj:** La tempojn de foriro vidu en la kongreslibro, estu ĝustatempe.

**Partoprenado ĉe la federacia fondfesto:** Legu unue la koncernan artikolon en la kongreslibro. Gvidado de membroj de ESB. Promenadaj-koncertoj, veturado al Gurten, promenado en la urbo (iluminado).

**Ekskursoj:** Forveturo por aŭtobusaj ekskursoj ek de Bundesplatz; por fervoj-ekskursoj kunvenejo estas la stacidomo.

**Kongresbalo** en salono Alhambra proksime de la stacidomo, sude. Nur esperantista aranĝo.

**Katedral-ludoj:** La prezentado de la „Eterna rondo" okazos lundon la 30an de julio je la 20.15 h. Tiuj ludoj okazos sur la placo antaŭ la katedralo, kiu situas 200 metrojn oriente de la Kazino (kongresoficejo).

**Hotelaranĝoj:** Atentu! Ĉiuj hotelaranĝoj oficiale komencas sabate la 29an de julio kun la vespermanĝo kaj finas sabate la 5an de aŭgusto kun la tagmanĝo, laŭ la jam menciitaj prezoj.

Por tiuj personoj, kiuj deziras veni antaŭ aŭ foriri post la kongreso ni povos aranĝi, laŭ la samaj kondiĉoj, loĝejon kaj manĝadon por la ekstraj tagoj.

**Poŝtaj aferoj:** ek de lunde troviĝos aŭtomobila poŝtoficejo kun deĵorantaj Esperantistoj ĉe la ĉefa enirejo. Speciala kongresstampilo.

**Informoj:** Membroj de ESB estas ĉiam je via dispono por informoj kaj gvidadoj. Demandu ĉe la librobudo.

**Kion oni trinkas en Svislando?** Ĉar la LKK mendis bonan veteron, ni volas ankaŭ konsili kion trinki ĉe granda varmeco. En ĉiuj restoracioj tre bona biero, malvarma, 25—30 ct. po glaso. Ankaŭ mineralaj akvoj, 50—80 ct. po botelo. Ĉe manĝo provu ankaŭ la bonajn svisajn vinojn.

# Plenmano da konsiloj!

Karaj geamikoj!

Vi, kongresanoj deziras ĉiuflankajn informojn pri la okazontaĵoj dum la granda festo de la Esperanto-movado. Ĉiujn preferojn, ĉiujn avantaĝojn vi volas scii, pri loĝado, pri ekskursoj ktp. Tial, plej bone vi demandas lokan amikon, jes eĉ pli bone ol LKK, kiu dum la antaŭkongresaj semajnoj kompreneble estas superŝutata de laboro.

Sed ne ĉiuj kongresanoj havas amikon en Bern, tiom da Esperantistoj tamen ne estas en la ursa urbo, kvankam dum la lasta duonjaro la anaro ĝojige kreskis. Tial mi volas transpreni la taskon, same informi ĉiujn geamikojn en la vasta mondo. Tute forgesante la sekretariecon en LKK, nur servante al la gastoj, mi momenton malfermas la sorĉistan kesteton.

**La programo,** pri ĝi oni povus multon skribi, certe estas ke ĝi eltenas ĉiun komparon kun la lastaj. Sed, programo estas ĉiam parte propaganda, parte sekreta afero, mi ne volas ĉion malkaŝi, nur doni konsilojn, kaj tio sufiĉu, almenaŭ por hodiaŭ.

**Alvenu en Bern sabate frutempe,** ĉar vespere jam okazos granda festo, kiun vi nepre devos partopreni, laceco tie forflugos, eĉ la plej longan vojaĝon, eĉ zorgojn kaj ĉagrenon vi forgesos. Tion ĉion atingos la internacia kostumbalo, en kiu vi ankaŭ konatiĝos kun la enloĝantaro de Bern. Tial mi devas postuli: **„Venu nepre en viaj naciaj kostumoj"**, eĉ se la transportado estos nefacila. Tie ni volas surprizegi la malfacile konvinkeblajn Bernanojn per nia internacieco kaj interkompreneco.

Solena kaj unika estos **la surmonta diservo,** tial ĉeestu ĝin anstataŭ ekskurson. Pastro Schmid de St. Moritz predikos kaj muzikistaro akompanos la kantadon kaj tio okazos en la libera Diomondo kun belega scenejo: la neĝkovritaj montoj de la berna Oberland.

Pro teknikaj kaŭzoj **la katedral-ludo** ne povos esti ludota en Esperanto, sed pro la aparta prezentado, vi same bone, kiel germanlingvano, komprenos la profundan sencon de tiu ludo pri homo kaj morto. Vi trovos la Esperantigitajn vortojn en la kongreslibro.

La nombron de **fakaj kunsidoj** ni reduktos laŭeble. Vi certe ne volas veni al Svislando por sidi en varma ĉambro, sed por promenadi kaj ekskursi; post tio vi certe hejmenportos neforgeseblajn impresojn pri kongreso kaj lando. Ĉu en tiu kazo ne estas eĉ mia devo proponi al vi la plej indajn ekskursojn?

Eĉ se via monujo estas malgrasega, **al Jungfraŭjoch** vi ĉiukaze devos veturi. Ĉu mi skribu pri la belecoj? Neeble, ne ĉar estas sekreto, sed mi ne trovas la vortojn por esprimi tion, eĉ ne en Christaller-vortaro iii estas troveblaj. Stari sur eterna neĝo, meze de la blankaj gigantoj, tiel proksime de ili por kisi la pintojn, la grandega Gletsch-glaciejo, la elrigardo ĝis la Jurao; jam sufiĉe dirite!

Se via monujo ne elstaros tian salton, tamen venu al Berna Oberland, sed nur ĝis Kleine Scheidegg, la vala stacidomo de la Jungfraufervojo. Ankaŭ tiun ekskurson ni volas aranĝi tre alloga. Sed, kiel dirite, „Jungfraujoch antaŭ ĉio".

La belecojn de nia urbo vi plej bone ĝuos sur **rondirado.** La anoj de Esperanto-Societo Bern **ĉiutage aranĝos urbgvidadon** tra la plej belaj stratoj. Ili estas instruataj kiel ĉionsciantaj gvidantoj.

Kiun ekskurson vi elektu **ĵaŭde**? — Blausee — la blua okulo de la berna montaro. La akvo de la lago estas tiel klara ke vi eĉ povas kalkuli la fiŝojn, kaj la montoj brilas en la akvo, kaj vi venas, vi venas amase! Niesen? — Ĝi estas unu el la plej famaj elrigardejoj de Svislando, ni esperu havi bonan veteron, kio tie estas la ĉefaĵo, ofte eĉ la demanda signo.

**Vendrede** prefere la grandan transalpan veturadon: trans pasejoj, al la piedo de la Rhone-glaciejo, al la lago de la Kvar Kantonoj. Belgoj, Svedoj vi havos okazon vidi la memorkapelon al la reĝino Astrid de Belgujo.

Volonte mi ja skribus pri la belecoj de ĉiu vendreda ekskurso, sed tiel la elekto fariĝus tro malfacila. Se vi volas vidi la altan montaron, tiam elektu la Transalpan Veturadon. Se vi preferas la ĉarman Jurao-montaron, tiam Chasseral estu via elekto.

**Pri loĝado kaj manĝado** mi skribas kiel se mi mem devus loĝi en hotelo dum la kongreso. Do, mi elektus aranĝon C, duonan pensionon, ĉar ju pli da libereco en la manĝado, des pli bone. Kun tiu aranĝo mi dormus, matenmanĝus kaj ĉu tag- ĉu vespermanĝus en mia hotelo. Ĉe tuttaga ekskurso mi povos tamen vespermanĝi tie. Kiu kategorio estas la plej rekomendinda? Demandu vian monujon! Bonaj estas ĉiuj hoteloj, la 2a kaj 3a kategorioj estas pli prezvaloraj ol la kvara. En la unuan kategorion iru, se vi vere ŝatas lukson, aliel vi eble ne sentus vin hejme tie. Jes, hejmeca sentu sin ĉiu en Bern!

Kion vi faru **post la kongreso**? Restadi almenaŭ unu plian semajnon! Kial? Ĉu por esplori Svislandon, ĉu por ripozi, ĉu por esti en bela hejmo en esperantista rondo.

Vi volas esplori Svislandon, bone, la rondvojaĝon ni organizis por tio. Vere, mi rigardas la vojaĝon kiel nesuperigeblan, rilate elektitan vojon kaj prezon. Nur unufoje mi legis la vojon kaj tuj anoncis min kiel gvidanto. Tial mi estos feliĉa montri al multaj el vi la belecojn de mia patrujo.

Vi sentas la bezonon ripozi, en saniga alpa aero, en mondfama Berna Oberland! Multajn lokojn nia gazeto proponas, sed aŭdu, ni Esperantistoj estu iomete kune, ni elektu lokojn de kie oni povas fari belegajn ekskursojn, mi pensas al Grindelwald kaj Kandersteg.

En la ĉarma hejmo Herzberg (kormonto) de la svisa popolaltlernejo, du junaj svisoj organizas la verdan postkongres-semajnon. Ĉe-instruo, amuzo kaj ekskursado! Vi povos pasigi neforgeseblajn tagojn.

Jen kion mi volis diri sen babili tro multe. Estas certe nenecese skribi pli multe, vi tamen nun estas konvinkitaj ke vi devos veni kun viaj geamikoj al Bern.

Tial ĝis baldaŭa revido en Bern. *Arbarulo.*

# Aliĝu al la Ekskursoj!

Vi certe havas la impreson, ke la Bernaj organizantoj de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto faras ĉion eblan, por, laŭ la idealo de la Esperantistaro, krei en la svisa ĉefurbo, en Svislando kaj en la tuta mondo ne nur fortan movadon, sed ankaŭ plenan organizan sukceson de la kongreso. Vi nepre ĉiuj estos kontentaj.

Tamen estas necese,ke ĉiuj kongresanoj laŭforte subtenu nin kaj klopodu plimalfaciligi nian laboron. Tiel vi agos, mendante plejeble frue vian lokon en la hotelo kaj aliĝante, en utila tempo, al la

**Ekskursoj!**

Ni donas al vi, ĉi sube, la *definitivan programon de la dumkongresaj ekskursoj*, kaj ni petas, ke vi bonvolu elekti la deziratajn ekskursojn kaj senprokraste anonci per la koncerna aliĝilo. La Loka Kongresa Komitato nepre frutempe devas organizi la aferojn kun la necesaj Pullman-Aŭtoĉaroj kaj informi la fervojon pri la proksimuma nombro de la ĉeestontoj.

Por la ekskursoj oni elektis la plej belajn lokojn proksime kaj malproksime de Berno. Inter ili troviĝas la plej noblaj perloj de la Berna Oberlando — el kiuj, kiel komuna kongres-ekskurso, la veturado al Jungfraŭjoch estos neforgesebla travivaĵo — sed ankaŭ ekskurseto al la Lago Lemano kun Montreux kaj la kastelo de Chillon, kaj en la Juraon. Post la kongreso okazos tre ĝuoplena vojaĝo tra Svislando, kiu kondukos la partoprenantojn tra la plej belaj pejzaĝoj de la lando.

Fine ni ankaŭ organizos postkongresajn restadojn en Berna Oberlando, pri kiuj vi ĉi sube trovas la necesajn informojn. Temas ĉiukaze pri la plej belaj lokoj de tiu alloga montara paradizo, kaj koncerne la prezojn la restadoj tiom varias, ke ili nepre adaptiĝas al la kapablo de ĉia monujo.

Ni do plezure atendas viajn aliĝojn. Kiu frue aliĝas, tiu evitas malhelpojn kaj malagrablaĵojn dum la kongreso.

**La Loka Kongresa Komitato
de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto
en Berno.**

## Dimanĉon, la 30an de Julio 1939.

**Al la Gurten.**

Trame tra la urbo, en Wabern ŝanĝi vagonon kaj uzi la ŝnurfervojon al la belega elvidejo sur la Gurten, alta 843 m.

**Ekveturo:** El tramstacio Placo Bubenberg, post la 13.30 per ĉiu tramo al Wabern (Nro 9).

**Veturprezo:** Fr. 1.50 po persono.

Duontaga ekskurso

**La Berna „Corniche"**

per aŭtoĉaro laŭlonge de belega teraso kun elvido al ĉiuj altaj pintoj de la Alparo.

**Vojo:** Berno - Kehrsatz - Längenberg - Riggisberg - Burgistein - Stockental - Krattigen - Spiez - Thun - Oberhofen - Sigriswil - Thun - Münsingen - Berno.

**Ekveturo:** Bundesplatz (Federala Placo) 14 h.

**Reveno:** 18.30 h.

**Prezo:** Fr. 6.50 po persono.

## Lundon, la 31an de Julio.

**Rondveturado tra Berno.**

Per aŭtoĉaro vizito al ĉiuj vidindaĵoj de la urbo.

**Ekveturo:** Trafik-oficejo, Bundesgasse 18 je la 10.15 h aŭ 14.30 h.

**Prezo:** Fr. 3.50 po persono.

Efektive tiu rondveturado okazas dufoje ĉiutage je la menciitaj horoj kaj la kongresanoj povos elekti taŭgajn tagojn kaj horojn.

## Merkredon, la 2an de Aŭgusto.

**Jungfraŭjoch (3457 m).**

Malgranda Scheidegg — plej supra punkto de la grandioza fervojo de Wengernalp. Sur Scheidegg komencas la fervojo al la Jungfrau, majstra verko de la homa genio kaj mirindaĵo de la moderna turismo. La fina stacio de Jungfraŭjoch situas en la koro de la glaciaro kaj de la montaj gigantoj.

**Ekveturo:** Stacidomo Berna, 6.51 h.

**Reveno:** 18.44 h.

**Vojaĝprezo:** 3a klaso Fr. 38.— po persono.

**Malgranda Scheidegg** (2064 m)

preter Thun - Interlaken - Lauterbrunnen - Wengernalp - Grindelwald - Interlaken - Thun - Berno.

Belega veturo kun vido al la Staubbach (Polva Rivereto) kaj la valo de Lauterbrunnen. La trajno atingas tra florriĉaj deklivoj, fendegoj, arbaraj kaj tuneletoj Wengen (1227 m), unuaklasan restadejon dum somero kaj vintro, en nekomparebla situo.

El Wengen, konstante kun vido al Silberhorn, kaj veturante tra belaj abiaraj, oni atingas la faman Wengernalp (1877 m), ĉe la piedo de la glaciaj gigantoj: Eiger, Mœnch kaj Jungfraŭ. La surda bruado de lavangoj kaj la sonorado de brutaroj akompanas la trajnon ĝis la Malgranda Scheidegg (2064 m), situita en la pitoreska intervalo inter la Eiger kaj la montoĉeno de la Männlichen. De ĉi tie oni ekvidas la Wetterhorn, kiu karakterizas la valon de Grindelwald.

**Ekveturo:** Stacidomo Berna, 6.51 h.

**Reveno:** 18.44 h.

**Vojaĝprezo:** 3a klaso Fr. 17.— po persono.

## Jaŭdon, la 3an de Aŭgusto.

**La romantika Nigra Lago.**

Per aŭtoĉaro tra la sovaĝa regiono de la bernaj kaj friburgaj Alpoj.

**Vojo:** Berno - Kehrsatz - Längenberg - Gurnigelbad - Schwefelbergbad - Nigra Lago kaj reveno tra la malnova urbo Friburgo.

**Ekveturo:** Bundesplatz (Federala Placo), 13.30 h.

**Reveno:** 18.30 h.

**Vojaĝprezo:** Fr. 7.50 po persono.

**La Blua Lago.**

(Fervojo Berno - Lœtschberg - Simplon).

La Blua Lago, tiu juvelo de la Bernaj Alpoj, estas kaŝita, kvazaŭ gemo, en la rava soleco de arbaroj en la valo de Kander. La mirinda blueco de ĝiaj akvoj, la maljunaj arbotrunkoj kovritaj de algoj, tie starantaj dum jarmiloj, la romantika ĉirkaŭo (15 hektaroj de natura parko), la interesa, nova fiŝkulturado: ĉio entuziasmigas la vizitanton. Tamen nur dum boatado oni vere ĝuas la ĉarmon de ĉi tiu unika lago.

**Ekveturo:** Stacidomo, 14.08 h.

**Reveno:** 18.52 h.

**Vojaĝprezo:** 3a klaso Fr. 6.50 po persono.

**Niesen.**

Pro la grandioza panoramo sur la Niesen, kaj vidante la glaciarojn de la altaj Alpoj de Berna Oberland, la antaŭajn Alpojn, la Juraon, la Vogezojn kaj la Nigran Arbaron, la

turisto miregas kaj ekmutiĝas. Neniu supro de la Alpoj, eĉ la plej alta, posedas tian panoramon. La lazure blua Lago de Thun, kun siaj ravaj bordoj ĉe la piedo de Niesen, kaj pli malproksime la emailkolora Lago de Brienz: ambaŭ estas indaj juveloj de sia grandioza ĉirkaŭo. — Kiom da fervoraj montamantoj aspiradas ascendi la Niesen! — La supro de ĉi tiu monto estas facile atingebla per la fervojo Lötschberg ĝis Mülenen, de tie la ŝnurfervojo agrable kaj komforte portas vin sur la pinton. La vagono venkas en 33 minutoj la altodiferencon de 1674 metroj. — La hotelo Niesen-Kulm estas tre ŝatata kiel celo por ekskurso de societoj.

**Ekveturo:** Stacidomo, 14.08 h.
**Reveno:** 18.52 h.
**Vojaĝprezo:** 3a klaso Fr. 8.50 po persono.

### Vendredon, la 4an de Aŭgusto.

**Tuttaga ekskurso per poŝta aŭtomobilo**
**Col de Pillon** (1552 m).

El Berno preter la Simmental, Gstaad, Gsteig, Col de Pillon, Les Diablerets, Villeneuve, Château de Chillon, Montreux, Vevey, Bulle, Fribourg, Berno.

**Ekveturo:** Trafik-Oficejo, Bundesgasse 18, 7.00 h.
**Reveno:** 20.00 h.
**Vojaĝprezo:** Fr. 13.— po persono.

**La grandaj pasejoj de Grimsel kaj Furka.**

Per fervojo kaj poŝta aŭtomobilo (Transalpa veturado).

Berno - Interlaken - Grimsel - Furka - Andermatt - Göschenen - Lucerno - Langnaŭ - Berno.

**Ekveturo:** Stacidomo, 6.51 h.
**Reveno:** 21.56 h.
**Vojaĝprezo:** 3a klaso Fr. 23.— po persono.

**Al Chasseral, en la Jurao.**

Per aŭtoĉaro preter la belaj lagoj de la Jurao kaj la Gorĝoj de Taŭbenloch. Sur la Chassèral belega elvido ĉiuflanken. Reveno preter la rebejaro de Neuveville kaj Erlach.

**Vojo:** Berno - Bienne - St. Imier - Chasseral - Neuveville - Erlach - Kehrsatz - Berno.
**Ekveturo:** Federala Placo (Bundesplatz), 13.30 h.
**Reveno:** 19.00 h.
**Vojaĝprezo:** Fr. 8.— po persono.

# Postkongresa libertempo en Berna Oberlando.

Kiu konas Svislandon kaj scias, ke ĝi havas la famon, esti unu el la plej belaj landoj de la tero, se ne eĉ la plej bela, tiu certe deziras fari, post la kongreso, eltrovan ekskursadon al la belegaĵoj de la svisa montaro. Por la „ŝanĝemulo“, kiu preferas moviĝadi, kaj per tiu, kiu deziras kapti kiel eble plej vastan rigardon super la belaĵojn de tuta Svislando, ni organizis allogan vojaĝon tra la lando, por kiu jam multe da mendoj alvenis.

Sed por ili, kiuj preferas ripozadi post la kongreso en iu bela loko, ni interkonsentis pri serio da libertempaj aranĝoj laŭ kvar diversaj prezoj. Mendojn por ili direktu al la Loka Kongresa Komitato. Temas ĝenerale nur pri belaj kuraclokoj en Berna Oberlando, el kie oni povas entrepreni fruktigajn promenojn kaj ekskursojn en la pura aero de la alpoj, kuraclokoj kun mondfamo, kiuj garantias la plej bonan, tiel koncerne pejzaĝajn belaĵojn, kiel koncerne loĝadon kaj nutradon. Ni esperas, ke plejeble multe da kongresanoj profitos la favorajn proponojn. Volonte kaj tuj la Loka Kongresa Komitato sendos al vi la necesajn Aliĝilojn.

Ne inkluditaj en la menciitaj prezoj estas la relative modestaj kostoj por la vojaĝo de Berno al la diversaj kuraclokoj kaj la reveno al Berno. La granda varieco de tiuj kostoj estus necesiginta al la organizantoj la starigon de senfine gradita tarifo. Estos do pli simple por la vizitantoj de la Berna Oberlando, aĉeti kun la bileto al Berno, samtempe kaj samloke, ankaŭ la biletou de Berno ĝis la koncerna kuracloko. Por eksterlanda kongresano tio havas la avantaĝon, ke li ĝuos la 30-procentan rabaton, per kiu la svisaj fervojoj favoras la eksterlandan gaston venantan al Svislando. Kiu decidiĝos post la alveno en Berno, tiu povos aĉeti la biletou en la Kongresa Sekretariejo.

Jen la aranĝoj faritaj:

## Prezoj por 7 Tagoj.

**Hotelkategorio I: Fr. 130.—.**

| Lokoj | Hoteloj |
|---|---|
| **Adelboden:** | Nevada Palace, Grand Hotel, Regina, Kulm-Kurhaus, National. |
| **Gstaad:** | Parkhotel Reuteler, Bellevue kaj Kurhaus, Grand Hotel Alpina. |
| **Interlaken:** | Carlton, Du Lac, Metropole, Schweizerhof, Royal-St. Georges, Beaurivage-Grand Hotel, Savoy. |
| **Lenk i. S.:** | Bad kaj Kurhaus. |
| **Mürren:** | Palace, Grand Hotel kaj Kurhaus. |
| **Spiez:** | Spiezerhof. |
| **Thun:** | Thunerhof. |
| **Wengen:** | Palace, Regina, Victoria, Belvédère, Parc-Beau-site. |
| **Gunten:** | Park-Hotel. |

**Hotelkategorio II: Fr. 100.—.**

| | |
|---|---|
| **Adelboden:** | Adler kaj Kursaal, Beausite, Huldi, Park-Bellevue. |
| **Grindelwald:** | Belvédère, Park-Schönegg, Schweizerhof. |
| **Gstaad:** | Bernerhof, Oldenhorn. |
| **Interlaken:** | Bellevue, Belvédère, Bernerhof, Bristol, Eden, Interlaken kaj Interlakner Hof, Jura, Krebs, National, Du Nord, Oberland, Parkhotel, Splendide. |
| **Kandersteg:** | Ritter, Belvédère, Schweizerhof. |
| **Mürren:** | Jungfrau kaj Viktoria. |
| **Spiez:** | Eden Kurhaus, Schlosshotel Schönegg. |
| **Wengen:** | Métropole, Falken, Brunner, Villa Belvédère. |
| **Gunten:** | Du Lac, Hirschen. |

**Hotelkategorio III: Fr. 90.—.**

| | |
|---|---|
| **Adelboden:** | Alpenrose, Bären, Edelweiss-Schweizerhof, Eden-Victoria, Schönegg, Alpenruhe, Bristol-Oberland. |
| **Beatenberg:** | Schweizerhof, Blüemlisalp, Beatrice, Parkhotel-Post. |
| **Bönigen:** | Seiler au Lac, Du Parc. |
| **Brienz:** | Kreuz kaj Post. |
| **Grindelwald:** | Adler, Bahnhof-Terminus, Bel Air-Eden, Sans-Souci. |
| **Gstaad:** | Alpenblick, Posthotel Rössli, National. |
| **Hilterfingen:** | Marbach, Seehof. |



La Schreckhörner en la Berner Oberland. Kaj la malsupra glaciejo.

**Interlaken:** Alpenblick, Bavaria, Central, De la Paix, Europe, Hirschen, Weisses Kreuz, Du Pont, Simplon, Alpina, Beauséjour, Horn, Harder-Minerva, Merkur, Gotthard.

**Lenk i. S.:** Park-Bellevue, Wildstrubel.

**Mürren:** Privat Hotel Alpenruhe, Pension Alpina, Belmont, Regina Beausite.

**Spiez:** Bahnhof-Terminus, Des Alpes.

**Thun:** Victoria kaj Baumgarten, Falken, Freienhof, Bellevue-Park, Beau-Rivage.

**Wengen:** Alpenruhe, Alpenrose, Bernerhof, Bristol, Eiger, Jungfraublick, Schönegg, Waldrand, Silberhorn.

**Oberhofen:** Montana, Moy, Victoria.

**Hotelkategorio IV: Fr. 70.—.**

**Adelboden:** Pension Alpina, Pension des Alpes, Pension Hari zum Schlegeli.

**Aeschi: b. Spiez** Bären, Blüemlisalp kaj Park, Friedegg, Alpenblick, Baumgarten, Pension Bellevue, Niesen, Seeblick, Pension Adelmatte, Pension Beausite, Pension Edelweiss, Pension Mülenen, Pension Wachthubel.

**Axalp:** (b. Brienz) Kurhaus Bellevue, Kurhaus Axalp.

**Beatenberg:** Alpenrose, Amisbühl, Des Alpes kaj Jungfrau, Beauregard, Edelweiss, Oberland, Pension Beatus, Erholungsheim Firnelicht.

**Bönigen:** Bel-Air, Schlössli, Bellerive, Oberländerhof, Pension Chalet du Lac.

**Brienz:** Bären, De la Gare, Rössli, Sternen, Schützen.

**Faulensee:** Strandweg, Strandhotel, Seeblick, Sternen, Seerose.

**Frutigen:** Adler, Lötschberg, Pension Bad, National, Simplon, Des Alpes, Terminus, Bahnhof, Falken.

**Grindelwald:** Central-Wolter, Du Glacier, National, Oberland, Hirschen, Jungfrau, Pension Gletschergarten, Pension Kirchbühl.

**Gstaad:** Bellerive-Seehof, Victoria.

**Gunten:** Eden-Elisabeth, Bellevue.

**Interlaken:** Anker, Bären, Beausite, Blau Kreuz, Bahnhof, Blume, Blümlisalp, Eintracht, Flora, Helvetia, Iris, Hardermannli, Neuhaus, Rugenpark, Rütli, Sonnenhof, Falken, Stadthaus, Touriste, Löwen, Sonne.

**Kandersteg:** Blüemlisalp, Alpenrose, Des Alpes, Chalet Ruedihaus, Villa Mon Repos, Müller, National, Touriste, Alpenblick, Alpina, Schwyzerhüsli, Waldhaus, Edelweiss.

**Oberhofen:** Kreuz, Schönau.

**Spiez:** Bellevue, Pension Erica, Krone, Du Lac kaj Strandbad, Lötschberg, Niesen.

**Thun:** Bären, Krone, Metzgern, Emmental, Sädel.

## Prezoj de la fervojaj biletoj por postkongresa semajno en Berner Oberland.

| | | | | II-klaso | III-klaso |
|---|---|---|---|---|---|
| De Bern ĝis | Adelboden | kaj revene | | frk. 17.15 | frk. 13.90 |
| „ „ „ | Gstaad | „ | „ | „ 28.60 | „ 16.50 |
| „ „ „ | Interlaken | „ | „ | „ 11.95 | „ 8.30 |
| „ „ „ | Lenk | „ | „ | „ 26.95 | „ 15.55 |
| „ „ „ | Mürren | „ | „ | „ 26.75 | „ 20.20 |
| „ „ „ | Spiez | „ | „ | „ 7.90 | „ 5.60 |
| „ „ „ | Thun | „ | „ | „ 5.40 | „ 3.85 |
| „ „ „ | Wengen | „ | „ | „ 26.05 | „ 17.20 |
| „ „ „ | Gunten | „ | „ | „ 7.90 | „ 5.60 |
| „ „ „ | Grindelwald | „ | „ | „ 22.85 | „ 14.90 |
| „ „ „ | Kandersteg | „ | „ | „ 15.30 | „ 10.60 |
| „ „ „ | Beatenberg | „ | „ | „ 12.95 | „ 10.10 |
| „ „ „ | Bönigen | „ | „ | „ 13.10 | „ 9.10 |
| „ „ „ | Brienz | „ | „ | „ 15.30 | „ 10.70 |
| „ „ „ | Hilterfingen | „ | „ | „ 6.55 | „ 4.65 |
| „ „ „ | Oberhofen | „ | „ | „ 6.75 | „ 4.80 |
| „ „ „ | Aeschi | „ | „ | „ 9.40 | „ 6.60 |
| „ „ „ | Brienz | „ | „ | „ 15.30 | „ 10.70 |
| (Brienz-Axalp en poŝtaŭtomobilo frk. 5.— kaj revene) | | | | | |
| De Bern ĝis | Faulensee | kaj revene | | frk. 8.40 | frk. 5.90 |
| „ „ „ | Frutigen | „ | „ | „ 10.75 | „ 7.50 |

**Atentu!**

**Ĉeestos la kongreson D-ro Immanuel Olŝvanger, la eminenta oratoro. Li faros interesan paroladon pri „La verda internacio". Venu multnombraj!**

## Grava Informo.

**Karaj gesamideanoj!**

**Pro la multnombraj turistoj, kiuj ĉiujare libertempas en Bern dum la somero, jam ĉiuj hoteloj el kategorio IV estas plenaj. Plej bone do estus, ke vi loĝu en hotel-kategorioj I, II kaj III, kies diferenco en la prezoj estas tre malgranda!**

# Fervojaj reduktoj por kongresanoj.

**Francaj-grekaj fervojoj:** 30% rabato de la prezoj laŭ ĝenerala tarifo n-ro 1, por la alveturo de la 20a ĝis 31a de julio; por la reveturo de la 6a ĝis 15a de aŭgusto, kontraŭ prezento de la kongreskarto.

**Grekaj fervojoj:** 50% rabato de la 15a de julio ĝis la 4a de aŭgusto por la alveturo, kaj de la 30a de julio ĝis la 19a de aŭgusto por la reveturo, kontraŭ prezento de la kongreskarto.

**Hungaraj fervojoj:** Kontraŭ prezento de la kongreskarto, la hungaraj fervojoj donos facilecon ŝanĝi la klason sen plua kosto: ekz. kun bileto de tria klaso, oni povos veturi en dua klaso; kun bileto de dua klaso, oni povos veturi en unua klaso.

**Tio validos:** por la alveturo: de la 24a de julio (0a horo) ĝis la 5a de aŭgusto (12a horo);
por la reveturo: de la 29a de julio (12a horo) ĝis la 10a de aŭgusto (24a horo), kondiĉe ke la kongresanoj aĉetu ir- kaj revenbiletojn. La kongreskarto devos ankaŭ esti stampita de la kongresa komitato antaŭ la reveturo.

La kongresanoj kiuj intencas partopreni la kongreson sin turnu rekte al la hungaraj fervojoj.

**Italaj fervojoj** ne donos rabaton.

## Postkongresa vojaĝo: Ni esploru Svislandon.

Tuj post la kongreso okazos bonorganizita 7-taga vojaĝo tra Svislando. La programo estas tiel elektita, ke dum unu semajno povos esti vizitataj la plej belaj regionoj de Svislando (Tiĉino, Grizono, Glarus kaj la Kvarkantona lago).

Ĉe sufiĉe granda partoprenantaro, la vojaĝo estos akompanata de gvidanto, kiu scipovas Esperanton. La vojaĝo komencos

**Dimanĉe, la 6an de aŭgusto.** Matene per vagonaro al **Thun-Interlaken** ĝis **Meiringen,** kie en hotelo Bär atendos la tagmanĝo. Poste daŭrigo en komforta poŝta aŭtomobilo trans **Grimsel** al **Gletsch** kaj trans la **Furka-pasejo** al **Andermatt.** Loĝado en hotelo Krone.

**Lunde, la 7an de aŭgusto.** Per la romantika Schöllenen-fervojo al **Göschenen** kaj per la Gotthard-fervojo tra tunelo kaj trans viaduktoj al **Lugano,** la suda paradizo de Svislando. Tie tag- kaj vesper-manĝoj en hotelo Fédéral, kie ankaŭ la loĝado estos preta. La posttagmezo estos je dispono por banado aŭ ekskursoj.

**Marde, la 8an de aŭgusto.** La Juvelo de la tuta vojaĝo estas la veturado laŭlonge de la lagoj de Lugano kaj Como en poŝtaŭtomobilo. Supren tra la Bergell, trans la Maloja-pasejo, al **la Engadeno,** kaj al **St. Moritz.** En hotelo Monopol estos zorgata por manĝado kaj loĝado. La posttagmezo estas libera por belaj promenadoj, al la fama banejo aŭ al la Segantini-aŭ Engadena-muzeoj.

**Jaŭde, la 10-an de aŭgusto.** Frumatena vagonaro al Süs kaj per poŝta aŭtomobilo trans la **Flüela-pasejo** al **Davos.**



La Wetterhorn kun la granda Scheidegg. Kaj la glaciejo da Grindelwald.

Hotelo Eden estos la hejmo en tiu loko. Libera posttagmezo por vizito de la fama kuracloko.

**Vendrede, la 11-an de aŭgusto.** Matena vagonaro al **Landquart,** laŭlonge de la Wallensee al **Ziegelbrücke** por tagmanĝi. Daŭrigo de la veturado al **Glarus** kaj **Linthal** kaj per poŝta aŭtomobilo trans la **Klausen-pasejo** al Altdorf, la patrujo de Wilhelm Tell kaj al **Flüelen.** Restado en hotelo Weisses Kreuz en Flüelen.

**Sabate, la 12an de aŭgusto.** Per ŝipo al **Luzern.** Tagmanĝo sur la ŝipo. Libera vizitado de la vidindaĵoj en Luzern. Vespermanĝo en Luzern kaj fervoje de Luzern al Bern, alveno 21.56.

La prezo de la vojaĝo estas svisaj **fr. 180.**— po persono. Ĝi entenas: fervojveturadon en 3-a klaso, ŝiplokojn en 2-a klaso, poŝtaŭtoveturadojn, loĝadon kaj manĝadon en la hoteloj, taksojn kaj trinkmonojn, manĝaĵojn **survoje.**

Por la ĉefa negoctempo, ŝanĝoj en programo kaj hoteloj rezervitaj.

# Esperanto inter la komercistoj.

Temo diskutota en la dua laborkunsido de la Berna kongreso.

---

La diskuton enkondukos s-ro E. Malmgren, kiu ĉi sube prezentas kelkajn problemojn pri la temo.

---

1. **Seriozan helpon** Esperanto povas liveri al la internacia komerco, nur se konsiderinda parto de la komercistoj:
   a) konscias pri la facileco de la lingvo;
   b) vidas, ke Esperanto jam estas pli malpli disvastigita inter alilandaj komercistoj;
   c) konscias pri la valoro de Esperanto por internacia reklamo, vendado kaj aĉetado.

2. **Kiel veki** la intereson por Esperanto inter la komercistoj? Ĉu ne komenci ataki la junan generacion de kontoristoj kaj komercistoj?
   Oni povas aranĝi Esperanto-kursojn en la komercaj lernejoj.
   Oni povas ankaŭ interesigi la junajn kontoristojn por Esperanto; ĉar post la lerneja studado venas la unuaj studjaroj en kontoroj. Ĉu ekzistas reala ebleco interesigi tiujn junulojn? Jen:
   En diversaj landoj kelkaj esperantistaj komercistoj havas gvidajn poziciojn. Ili povus deklari sin pretaj dum certa tempo akcepti junajn kontoristojn alilandajn, kiuj deziras studi kontorlaboron en la koncerna lando. Sed kondiĉo estus, ke la juna kontoristo scipovas Esperanton. — La demando do estas: Ĉu ekzistas tiaj esperanto-komercistoj, kiuj estas pretaj efektivigi tiun ĉi proponon?

3. **Ĉu ne fondi** internacian Esperanto-ligon por komercistoj kaj kontoristoj? Al tiu ligo povus aniĝi komercistoj kaj kontoristoj, kiuj estus pretaj kunhelpi por krei eblecojn enpenetri Esperanton en la mediojn de la komercistaro.

4. **La komercista ligo** povus ĉiujare prizorgi stipendiojn al taŭgaj esperantistoj-kontoristoj, kiuj volas studi kontorlaboron en fremdaj landoj.

5. **Por esperantigi** iom post iom la fakgazetojn por komercistoj kaj kontoristoj en la diversaj landoj la supre nomita komercista Esperanto-ligo devus havi gazet-reprezentantojn, kiuj publikigus taŭgajn Esperanto-novaĵojn. Mi ne celas publikigon de ĝeneralaj esperantaĵoj, sed de tiaj novaĵoj, kiuj speciale interesigus la kontoristojn kaj komercistojn.

6. **I. E. L. havas fakdelegitojn,** ankaŭ por komerco. Ĉu ne pli ol ĝis nun penadi por havigi tiajn fakdelegitojn? Ĉu oni ne povus de tempo al tempo en la diverslandaj fakgazetoj por komerco aperigi artikolojn pri tio, ke la fakdelegitoj de IEL estas pretaj subteni komercajn agentojn? (Sed preferinde estas, ke oni ne publikigu, ke troviĝas tiaj delegitoj tra la tuta mondo. Sed menciu ĉiufoje nur unu landon, kaj tiam prefere ĉiujn urbojn, kie troviĝas la fakdelegitoj. Tio imponas kaj vekas intereson.)

7. **Kelkaj problemoj** nun estas tuŝitaj rilate al la problemo Esperanto inter la komercistoj. Sed multaj aliaj problemoj estas diskutendaj.

Mi konsilas al ĉiuj samideanoj, kiuj havas intereson pri tiu ĉi grava temo, ke vi trastudu la bonegan raporton pri la Pariza konferenco 1938. La raporto estas havebla ĉe Societo Franca por la Propaganda de Esperanto (S. F. P. E.), adreso: 34 Rue de Chabrol, Paris X. Tiu raporto estas riĉa de ideoj, kiujn ni diskutu dum la Berna kongreso.

En la Berna kongreso ni renkontiĝu por interkonsenti pri taŭgaj rimedoj por propagandi Esperanton kaj popularigi ĝin inter la komercistoj!

E. Malmgren.

# 4-a listo de kongresanoj.

536. S. Bard, Vetlanda, Svedujo.
537. F-ino A. Hakansson, Jönaker, Svedujo.
538. Rezervita.
539. F-ino A. Bochatet, Lausanne, Svislando.
540. F-ino R. Dubois, Lausanne, Svislando.
541. F-ino J. Eternod, Lausanne, Svislando.
542. F-ino O. Huber, Lausanne, Svislando.
543. F-ino E. Wegmüller, Lausanne, Svislando.
544. L. Bolli, Lausanne, Svislando.
545. C. Goy, Lausanne, Svislando.
546. A. Engelmann, Rosny-sous-Bois, Francujo.
547. F. Galbusera, Verona, Italujo.
548. F-ino E. K. Abson, London, Britujo.
549. J. W. Blair, Paisley, Britujo.
550. F-ino R. W. Blair, Paisley, Britujo.
551. J. Conroy, Derby, Britujo.
552. A. W. George, Stapleford, Britujo.
553. S-ino K. Halliday, Bombay, Hindujo.
554. F-ino A. R. Hornby, Cockburnsparth, Brit.
555. F-ino A. A. Hueting, London, Britujo.
556. R. D. C. Older, Petworth, Britujo.
557. F-ino G. Pillar, London, Britujo.
558. F-ino M. E. Pratt, Ipswich, Britujo.
559. G. I. Savage, Arlington, Usono.
560. H. Smith, Nuneaton, Britujo.
561. F-ino M. C. Stroud, London, Britujo.
562. F-ino E. Waller, London, Britujo.
563. F-ino N. Wilford, Nottingham, Britujo.
564. F. H. Wright, Petworth, Britujo.
565. F-ino Gandon, Sanvic, Francujo.
566. S-ro Landerouin, Sepmes, Francujo.
567. R. Couteaux, Avesnes sur Helpe, Francujo.
568. S-ino S. Couteaux, Avesnes sur Helpe, Francujo.
569. F-ino G. Randolph, Greenville, Usono.
570. D-ro C. Stockard, Bradenton, Usono.
571. S-ino L. Perrenoud, Monruz, Svislando.
572. S-ino E. Ith, Aix-en-Provence, Francujo.
573. G. Aström, Gevle, Svedujo.
574. L. Berger, Potŝtejn, Ĉeĥoslovakio.
575. F-ino H. M. Mulder, Badhoevedorp, Nederlando.
576. H. C. Luyke, Schiedam, Nederlando.
577. C. Baksteen, Rotterdam, Nederlando.
578. F-ino T. de Klerk, Rotterdam, Nederlando.
579. J. P. Robertson, Philadelphia, Usono.
580. S-ino R. B. Robertson, Philadelphia, Usono.
581. S-ino L. Fürth, Northwood, Britujo.
582. B. Purse, Harrow, Britujo.
583. F-ino C. Gutermann, Warszawa, Pollando.
584. O. A. Strömberg, Hjorthagen, Svedujo.
585. S-ino A. Z. Strömberg, Hjorthagen, Sved.
586. Brazila Ligo Esperantista, Rio-de-Janeiro, Brazilo.
587. F-ino W. van der Meer, Leeuwarden, Nederl.
588. F-ino H. J. Christensen, Korsór, Danujo.
589. F-ino T. Kastrup, Korsór, Danujo.
590. F-ino I. D. Brown, London, Britujo.
591. V. Smith, Cardiff, Britujo.
592. E. Lundkvist, Lulea, Svedujo.
593. F. Swinne, Uccle, Belgujo.
594. K. Aam, Oslo, Norvegujo.
595. F-ino L. Jereb, Ljubljana, Jugoslavio.
596. F-ino D. Ahlmann, Eskilstuna, Svedujo.
597. F-ino B.-M. Lindstedt, Alosjö, Svedujo.
598. O. Enström, Stockholm, Svedujo.
599. R. Demuth, Malmö, Svedujo.
600. F-ino A. Enzell, Radmansö, Svedujo.
601. V. Ljungtren, Stockholm, Svedujo.
602. D-ro I. Olŝvanger, Jerusalem, Palestino.
603. G. Wolmer, Tungelsta, Svedujo.
604. S-ino S. Wolmer, Tungelsta, Svedujo.
605. R. Nylin, Hudiksvall, Svedujo.
606. S-ino H. Atlas, Malmö, Svedujo.
607. F-ino B. Rudén, Backe, Svedujo.
608. F-ino E. Vallgren, Harnäs, Svedujo.
609. F-ino L. den Hollander, Arnhem, Nederl.
610. F-ino Fr. Dallinga, Assen, Nederlando.
611. R. Tidelius, Skövde, Svedujo.
612. F-ino J. Aronsson, Torshällia, Svedujo.
613. R. Watier, Courbevoie, Francujo.
614. E. Roy, Blois, Francujo.
615. M. Truchon, La Trimouille, Francujo.
616. S-ino V. Truchon, La Trimouille, Francujo.
617. F-ino F. M. Inman, Braintree, Britujo.
618. F-ino C. Wright, Leeds, Britujo.
619. F-ino M. M. Morgan, Llanishen, Britujo.
620. F-ino E. Downes, Barry, Britujo.

Resumo: Aŭstralio 1, Belgujo 20, Brazilo 2, Britujo 203, Bulgarujo 1, Ĉeĥoslovakio 5, Danujo 10, Estonio 10, Finnlando 3, Francujo 83, Hindujo 1, Hispanujo 1, Hungarujo 6, Irlando 2, Italujo 18, Japanujo 1, Jugoslavujo 5, Maroko 1, Nederlando 56, Norvegujo 13, Palestino 1, Polujo 7, Svedujo 56, Svislando 75, Usono 11, rezervitaj 18. Entute 610 el 25 landoj.